Esperanto en Azio kaj Oceanio

n-ro 108, Julio 2020

Bulteno de KAOEM

Azia-Oceania Komisiono de UEA pri Azia-Oceania Esperanto-Movado

# Ekfloris tele-kunvenoj de Esperanto

**Monda Festo** komenciĝis je la inaŭguro somera la 20an de junio per fejsbuko kaj jutubo planite de estraranoj de UEA. En ĝia kadro okazis Tago de Azio kaj Oceanio la 26an de junio per Zoom planite de la estraranoj de KAOEM kaj d-ro So Jinsu: la estrarano de UEA. Antaŭ ili samideanoj de Irano jam okazigis tele-kunsidojn kaj sekve la 7-an Iranan Esperanto-Kongreson (IREK-7) per Zoom inter la 17a kaj la 19a de aprilo kaj due tiuj de Aŭstrario virtualan unu-tagan kongreson la 7an de junio.

Nun multaj tele–eventoj estas planataj kaj realigataj. La medioj jam ekzistas. La pandemio malpermesas realajn renkontiĝojn kaj en tia situacio la pioniroj malfermis pordon al tele-eventoj. Multiĝas spertintoj de tiuj novaj formoj de renkontiĝoj kaj komprenas ilian oportunecon. Ne necesas flugi al la loko. Oni povas ĉeesti eventojn en sia hejma ĉambro.

En tiu numero ni kundividu tiujn spertojn laŭ la raportoj.

Ni ankaŭ legu rakonton de nia eksa sekretario s-ro Enkhee.




## MondaFest' jam komenciĝis

La montreala UK prokrastiĝis al 2022. Anstataŭe per reto komenciĝis MondaFest' 2020. Vidu la retejon https://mondafest.net/ kaj https://mondafest.net/programo/

## La redakcio petas paciencon de la abonantoj

Karaj abonantoj, bonvolu ankoraŭfoje **legi unue retan (koloran) eldonon de "E. en Azio kaj Oceanio", elŝutinte el la retejo de KAOEM**:
http://www.esperantoazia.net/index.php?mid=bulteno

Aŭguste ni presos kaj sendos surpaperan eldonon de la bulteno al la kontribuintoj/abonantoj. Bonvolu atendi tion.

◆la retejo de UEA pri koronviruso:
https://revuoesperanto.org/korona_viruso

## ENHAVO - julio 2020 -

# Raporto de Tago de Azio kaj Oceanio

Ilia Sumilfia Dewi
la vic-sekretario de KAOEM



Kadre de MondaFest' 2020, Komisiono de Azia kaj Oceania Esperanto-Movado (KAOEM) organizis la virtualan aranĝon, "Tago de Azio kaj Oceanio" (mallonge TAO) per Zomo (Zoom).

La aranĝo sukcese okazis je 09:00 – 13.00 UTC, en la 26a de junio. TAO estis la unua aranĝo far de Kontinentaj Komisionoj de UEA, inter multaj aliaj programeroj de MondaFest', de la 20a de junio ĝis la 20a de septembro 2020.

La estraro de KAOEM kiel ĉefzorganto de TAO kun SO Jinsu estrarano de UEA, preparis la programerojn dum preskaŭ du semajnoj. La raportoj de landaj reprezentantoj, prelegoj kaj junulara forumo estis la ĉefaj programeroj. Krome la kantoj el Koreio, Indonezio kaj Uzbekio agrabligis la aranĝon.

Por partopreni TAO-n, oni devis plenumi la retan aliĝilon kaj sendis ĝin al la prezidanto de KAOEM ne malpli frue ol la 25a de junio. Post la aliĝo, la partoprenanto ricevis la konfirmon kun la ligilo por eniri al la virtuala ĉambro. Aliĝis ĉirkaŭ 150 homoj de diversaj landoj en Azio, Oceanio, Ameriko, Eŭropo kaj Afriko.

Antaŭ la oficiala malfermo de TAO, okazis la antaŭbabilado kaj Ilia Sumilfia Dewi el Indonezio prezidis ĝin. Laŭ la listo de aliĝintoj, la landaj reprezentantoj el Okcidenta kaj Centra Azio, Suda Azio, Oceanio, Sud-Orienta Azio kaj Orienta Azio havis ŝancon po malpli ol unu minuto por sinprezenti kaj intersaluti, kaj same ankaŭ aliaj partoprenantoj el Afriko, Eŭropo kaj Usono.

En la ĉefa kunsido, prezidis Nisinaga Atusi, la prezidanto de KAOEM, kiu deklaris la malfermon de TAO. Bonvenigis la partoprenantojn la bela kanto de Amira Ĉun el Koreio. Poste li

prezentis la estraranojn de KAOEM, Nguyen Thi Phong Mai el Vjetnamio kiel vic-prezidanto, Oh Soonmo (Brila) el Koreio kiel sekretario kaj la vic-sekretario, Ilia Sumilfia Dewi el Indonezio.

En la unua parto raportis landaj reprezentantoj. Ĉiuj havis ĉ. kvar minutojn por raporti pri la intaj, antaj kaj ontaj aktivecoj. Unue de Okcidenta kaj Centra Azio. La unua raportanto estis Hamzeh Shafiee el Irano, kiu parolis pri atingoj de IREA (Irana Esperanto-Asocio) lastatempe. Precipe pri la sukcesaj okazigoj de virtuala Esperanto-kongreso de Irano, de virtuala AMO-seminario kaj aliaj agadoj en virtuala spaco.

Due parolis Amri Wandel el Israelo, ke Israela kongreso kaj la MONA-kunveno, la ĉefaj agadoj ĉi-jaraj, devis esti prokrastitaj al la venonta jaro 2021 pro la neatendita pandemio. Li aldone menciis pri IVEK (Israela Virtuala Esperanto-Kunveno) kiu okazas ĉiun dimanĉon kaj pri la nova redaktoro de la asocia revuo.

El Taĝikio bedaŭrinde ĉeestis neniu raporti. El Uzbekio ĉeestis Gafur Mirzabaev sed li malsukcese parolis pro la teknika malfacilaĵo. Ankaŭ el Barato kaj Pakistano ĉeestis neniu por raporti. Poste Ilia legis la raporteton sendatan de Indu Thapaliya el Nepalo pri la sukcesa okazigo de Himalaja Renkontiĝo kaj la nuna situacio.

Daŭris raportoj. De Oceanio; Sandor Horvath el Aŭstralio raportis pri la sukceso de unua virtuala kongreso de AEA (Aŭstralia Esperanto-Asocio), ankaŭ pri la preparado de venontjara kongreso, somerkursaro en januaro kaj iom aldonis pri la Esperanto-radio, virtuala kunsido kaj instruado de Esperanto en Montessori-lernejo. El Nov-Zelando, Bradley McDonald parolis pri la kunlaboro de komuna kongreso kun Aŭstralio en la lasta januaro kaj la avantaĝoj de virtualaj aranĝoj.

En la vico de Sud-Orienta Azio, Ilia Sumilfia Dewi el Indonezio raportis pri la realigitaj agadoj ekde la komenco de ĉi-jaro ĝis junio. Reta babilado, virtuala enkonduko de

Esperanto por la novuloj helpe de irana esperantisto kaj la asocio. En tio ĉeestis ĉirkaŭ 17 novuloj de diversaj urboj en Indonezio. Aldone ŝi prezentis informojn pri la retejo de la asocio kaj disvastigado de Esperanto per sociaj medioj.

El Vjetnamio, Nguyen Ha raportis pri la atingoj de vjetnama Esperanto-Asocio post la lasta Azia-Oceania Kongreso. Multaj novaj membroj aliĝis al la asocio kaj okazas kursoj por komencantoj. Ankaŭ pri la sukceso de Zamenhofa-tago kaj multaj aliaj agadoj.

El Filipinoj, Albert Stalin Garrindo raportis pri la nuligo de la Unua Filipina Junulara Kongreso ĉi-jare kaj la nova dato estas inter la 28a kaj la 31a de januaro 2021. Li parolis ankaŭ pri la regula virtuala kunveno, varbado de membroj, verkado de libroj kaj tiel plu. El Orienta Timoro, Mateus de Sena raportis pri la instruado de Esperanto en radio kaj la pasinta Zamenhofa-tago. Stephan Frank el Singapuro iom raportis pri la neregula kunveno de la asocio.

De Orienta Azio, Chen Ji el Ĉinio parolis pri diversaj agadoj kiujn ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo) sukcese organizis kiel landan kongreson en lasta novembro, agadoj en lernejo kaj universitato kaj multaj aliaj. Poste, el Japanio YAMAGUTI Sin'iti raportis pri preparado de la venonta Japana kongreso en Nagojo kiu okazos en septembro. El Koreio venis raporto de Brila pri la 100-jara jubilea aranĝo de KEA (Koreia Esperanto-Asocio), Somera Kurskunveno per Zomo (Zoom), komuna staĝo, translokiĝo de nova sidejo KEA kaj aliaj agadoj. Laste, el Mongolio, Chimedtseren Enkhee raportis pri la verkado de Esperanto-vortaro kaj lernolibroj, sed bedaŭrinde aliaj eventoj estis nuligitaj pro la pandemio.

Dume la nombro de ĉeestantoj atingis 101. Finiĝis la raportoj kaj intervenis muzika paŭzo. Gajan kanton prezentis Indonezia Esperanto-Asocio. Sekvis la prelego de Nema el Koreio kun la temo pri “Esperanto al Nelatinidaj”. Li interese

argumentis pri la diferenco en la lernado de Esperanto inter eŭropanoj kaj azianoj.

Junularan forumon prezidis Albert el Filipinoj. Li unue petis de la junuloj reprezentantaj el Vjetnamio, Koreio, Japanio Tajlando, Ĉinio, Indonezio, Orienta Timoro kaj Aŭstralio sinprezenti kaj saluti. Dum ĉirkaŭ 30 minutoj, la junuloj sinsekve mallonge raportis pri sialandaj agadoj, kaj diskutis rilate al la junulara movado en Azio kaj Oceanio.

Ĉe la fino de oficiala programo, la bela kanto el Uzbekio estis prezentita de Gafur Mirzabaev.

Fine la Tago de Azio kaj Oceanio fermiĝis per postbabilado. La partoprenantoj grupiĝis en la malgrandaj ĉambroj kaj babiladis libere. Ĝis la fino de la aranĝo restis ĉ. 88 homoj.

(2020-07-09)




## Junulara Forumo dum Tago de Azio kaj Oceanio

S-ro Albert Stalin Garrido prezidis la forumon. Raportontoj unu post la alia sin prezentis kaj sekvis resumo pri agado po unu minuto laŭlande. Alberto estas prezidanto de Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) kaj vickomisiito pri azia movado en TEJO

**1. Indonezio**: s-ro Victor Maxim Manuel, informanto de Indonezia Esperanto-Asocio (IEA)



Evento de IEA "Ĉio pri Esperanto" okazis en Nacia Biblioteko la 15an de septembro en 2019 por informi ne-esperantistojn. IEJO partoprenas en agadoj de aliaj E-organizoj. Ĝi ĉeestis en inaŭguro de Indonezia Esperanto-Ligo la 22an de decembro.

Estas regula kunveno ĉiumonate, kiun IEJO okazigas. Tamen Ili devis nuligi la fizikan renkontiĝon pro la pandemio.

**2. Japanio**: s-ino Joŝiko NIŜIJAMA en Kameoka, Kioto.

Kiel oomotano ŝi raportis. 120 ĉeestis en la transjara kunveno en Kameoka jarfine el Japanio, Koreio, Ĉinio kaj Nepalo. Artikolo pri ĝi aperis en Juna Amiko. EPA (Esperanto-Populariga Asocio) celebros sian centjaran jubileon en 2023. En diversaj lokoj junuloj lernas Esperanton per reto.



**3. Orienta Timoro**: s-ro Mateus De Sena Mali-Tai, vicprezidanto de Dili Junulara Klubo.

En ĉiu sabato okazas kurso per radia elsendo. WhatsApp uziĝas por kontakto inter klubanoj kaj kun lernantoj.

**4. Tajlando**: s-ro Warut Bunprasert, kunfondinto de bankoka E-klubo "Verda Elefanto".



La bankoka E-klubo konsistas ĉefe el gejunuloj. Ili okazigis monatan renkontiĝon en Bankoko antaŭ la pandemio. Li kompilas vortareton Esperanto-tajan. S-ro Bharuj Rojanasoonthon (Ĵas) starigis E-kursojn per Zoom kun subteno de Irana Esperanto-Asocio. En du kursoj ĉeestis entute naŭ kursanoj, kaj li klopodis verki E-lernolibron por sia kurso en la taja lingvo. Kaj dank'al la Facebook-grupo "Esperanto en Tajlando", de tempo al la tempo aliĝas novuloj, kiuj havas intereson pri Esperanto.



**5.Vjetnamio**: s-ino Tran Thi Hoan (Ĝojo) , vic-prezidanto de VEJO.

VEJO havas ĉirkaŭ 20 membrojn. La nombro estas stabila, sed ĝi ankaŭ montras, ke ne estas kresko en la membraro. Ili aktivas enlande kaj internacie. Ili planas okazigi la Someran Renkontiĝon sed nuligis ĝin pro la pandemio. En 2019 la 37-a Komuna Seminario okazis en Danang, en kiu

ĉeestis pli ol 20 alilandaj junuloj. Vjetnamaj junuloj aktivas ankaŭ en TEJO, kies kasisto estas s-ino Bui Hai Mung (Feliĉa). Ĝojo instruas Esperanton en sia lernejo. Junuloj kunlaboras kun VEA por reaktivigi landan agadon post la pandemio.

**6. Koreio:** s-ro Shin Hyunkyu (Mondero), prezidanto de KEJ



Aktualaj membroj de KEJ nombras 17. Ĝi varias inter 15 kaj 20. Pro la pandemio KEJ ŝanĝis la daton de la 38-a Komuna Seminario al la 28a kaj la 29a de novembro 2020 kaj ankaŭ proponas prokrastigon de IJK en Jeju (elp. ĉeĝu, translitere Ĵeĵu) al 2023. KEJ klopodas efektivigi surlokajn eventojn inkluzive de KS. Li opinias, ke edukado interalie gravas. Li administras jutuban (YouTube) kanalon de lernado por koreoj aparte por junuloj.

**7. Ĉinio**: s-ro Zhao Wen-qi (elp. ĉao ŭen ĉi ) (Venki),



Ĉiu agado estas organizita de ĈEL sen aparta organiza agado de junularo. Junuloj okazigis multajn aferojn kadre de nova volontula projekto de ĈEL. Aktivuloj faras filmetojn por informi Esperanton en la videa apo Douyin. Ili ankaŭ partoprenis en la projekto de TEJO pri universitata vivo sub la pandemio.

**8. Aŭstralio**: s-ro Adam Levy, estrarano de Federacio de Nova Sud-Kimrio respondeca pri junularaj aferoj

La federacio havas 80 membrojn kaj E-domon en Sidnejo. Ĉiusabate kolektiĝis samideanoj de ĉiuj generacioj en Esperanto-domo, inkluzive de 10 aŭ 20 gejunuloj. Nun oni kunvenas per Zoom, inkluzivante partoprenantojn el Japanio kaj aliaj aziaj landoj. La mondo pliprokimiĝas. Oni planis sendi junulinon al IJK en Nederlando kaj lin al montreala UK, sed tio nuliĝis. Ili volas rekomenci la kunvenojn en la domo.

Sekvis diskuto laŭ la temoj prezentataj de Albert.

**1. Kiuj estas fortaj punkto**j en junulara movado en aziaj kaj oceaniaj landoj?

Adam; Junuloj scipovas utiligi novajn mediojn kiel instagramon, fejsbukon kaj la medioj utilas ankaŭ por informi pri Esperanto kaj varbi esperantistojn al kluboj.

Mondero; Almenaŭ en Koreio antaŭuloj subtenas junularan movadon, finance kiel per vojaĝ-kosto kaj junuloj povas lerni el ilia administrada sperto. Alilandaj antaŭuloj subtenas junulalon en Filipinio, ĉu ne?

**2. Kiuj estas malfortaj aŭ plibonigendaj** punktoj?

Ĝojo; Vojaĝo en Azio malfacilas malsimile al tiu en Eŭropo. Junuloj jam okazigas komunajn eventojn kiel Komunan Seminarion kaj Kunvenon de Sud-orient-aziaj Junularoj. Plie dezirindas komunaj bazoj kie junuloj povos kompari, kontroli, lerni unu de la alia pri diversaj flankoj de la movado. Ekzemple se junuloj en tri landoj havas similajn celon kaj movadajn kampojn, ili povos lerni multon konkrete reciproke. Ili havas sian propran avantaĝon aŭ agad-kampon. Tion oni povas kompari. La vizio kaj la sama direkto kiujn ĉiuj aziaj junuloj kune rigardas estas gravaj sendepende de sia nacieco kaj karakteroj de sialanda agado.

**3. Kiel vi imagas agadojn en venonta unu jaro**? Ĉu ni progresos?

Warut; Pro la pandemio progresos movado, ekzemle retaj kursoj. En Tajlando jam naŭ lernantoj lernis.

Mondero; Planu pesimisme kaj revu optimisme. Mi revas progreson. Reta edukado interesos junulojn kaj nombro de membroj kreskos.

**La prezidanto de la forumo Albert konkludis jene:**

**1. La azia Esperanto-komunumo** havas riĉan historion de eventoj kaj disvolviĝoj kiuj enkondukis al ĝia estiĝo kaj daŭra kresko en la pasintaj kelkaj jardekoj, inkluzive de la junulara movado. Kvankam geografiaj, ekonomiaj, kaj politikaj defioj daŭre malfaciligas la disvastigon en la tuta kontinento, la diligenta laboro de junaj aktivuloj en ĉiu lando tamen certigas,

ke la Esperanto-movado daŭre malkovru novajn talentojn kaj trasaltu obstaklojn kiuj minacas ĝian daŭripovon.

**2. La pandemio,** kiu kvankam komence preskaŭ plene haltigis la kutiman agadon de la movado al ni ĉiuj konatan, tamen donis la necesan impeton por malkovri kaj adapti novajn kaj antaŭe neniam elprovitajn strategiojn. Ĝi ankaŭ donis la oportunon ne nur al aktivaj esperantistoj por pli forte konektiĝi unu kun la alia kaj plenumi gravajn movadajn taskojn, sur kiujn oni antaŭe ne povis tre bone koncentriĝi, sed ankaŭ por junuloj, kiuj ĉiam antaŭe preterlasis Esperanton, por lerni ĝin. La raporto de ĉiu junulara organizo donis al mi la fidon ke ĉiu landa movado, malgraŭ la pandemio, denove retrovis pozitivan progreson antaŭen kaj vidos neeviteblan kreskon en la venontaj monatoj. Tamen, ankoraŭ estas bezonate utiligi tiun saman tempon, kaj same la modernan, rapide adaptiĝantan teknologion, por fari pli grandajn kaj konkretajn iniciatojn sur la internacia nivelo, en kiu spirite videblas la solida kunlaboro inter junaj aziaj kaj oceaniaj esperantistoj.

**3. Kiel vickomisiito pri landa agado en Azio de TEJO**, mi deziras plifortigi kaj unuigi la movadojn de Azio kaj Oceanio, reciproke nemalhaveblajn unu al la alia, kiel integran, neniam forŝireblan pecon de la azia-oceania Esperanto-movado kaj la tutmonda. Tial, estas nepre necese, ke motoroj de ĉiu organizo en Azio kaj Oceanio, en kiu membras junuloj, investu en ilian potencialon je agado al ĉiu movado daŭripoviga meze de la rapide ŝanĝiĝanta monda situacio. Fine, ni devas pripensi novajn strategiojn por fari junajn esperantistojn de aziaj kaj oceaniaj landoj bone videblaj kaj aŭdeblaj kiel gravaj fortoj en la ĝenerala stirado de la tutmonda esperantista movado. Nur tiel ni povos okazigi pli da Junularaj Forumoj ne nur paroli pri niaj defioj sed ankaŭ kune fieri pri niaj konstante naskiĝantaj sukcesoj.

Resumis INUMARU Fumio
kaj konkludis Albert Stalin Garrido

# Dum mia mandato 2013-2019 kiel sekretario de KAEM

Chimedtseren Enkhee
(mongola reprezentanto, eksa sekretario)




Mi estas mongola KAEM-ano ekde 2010. Dum la jaroj 2013-2019 mi laboris kiel sekretario de KAEM. Akceptinte tiun ĉi rolon mi komencis mian laboron krei kaj ĝisdatigi Vikipedio- kaj Facebook-paĝojn pri la komisiono (ankaŭ retlistojn).

https://eo.wikipedia.org/wiki/Azia-Oceania_Komisiono_de_UEA
https://www.facebook.com/groups/102299479924434/
https://www.facebook.com/groups/789702694389877/

KAEM havas bonajn projektojn por sia regiona movado. Unu el ili estas okazigo de Azia Kongreso. Dum la 7a Azia Kongreso okazinta en Israelo en la jaro 2013, la komisiono decidis ke okazigi sekvan kongreson en Ĉinio post tri jaroj. La novelektita estraro de KAEM frue komencis preparadon por la 8a kongreso kunlabore kun Ĉina Esperanto-Ligo. Ni prilaboris kongresan operaciaron, laborplanon, buĝeton, programon ktp ktp. Dum la preparaj 3 jaroj ni kelkfoje kunsidis en oficejo de la Ĉina Esperanto-Ligo en Pekino. Alivorte nia vicprezidanto s-ro Inumaru Fumio venis el Japanio; mi el Mongolio kaj nia prezidanto s-ro Wang Ruixiang loĝanta en Pekino, do ni kunsidis kun ceteraj tieaj esperantistoj, helpantoj kaj volontuloj por la kongreso. Nun estas tre agrable al mi rememori ilin, nian kunlaboradon; kaj kapte tiun ĉi bonŝancon

mi ankoraŭfoje dankas ĉiujn. La 8a Azia Kongreso estis sukcesa en ĉina urbo Quanzhou.

Dum mia mandato okazis alia menciinda grava evento t.e. la 2a Azia Karavano okaze de la 102a UK en Seulo en 2017. Dank' al iniciato de d-ro So Jinsu, novelektita prezidanto de KAEM, nia teamo sukcese organizis la aranĝon. Laŭ aparta monofero de koreaj kaj japanaj gesamideanoj multe da aziaj junuloj partoprenis la 102an UK-on kaj la 2an karavanon. Ja estis malfacile al ni elekti aktivajn junulojn inter la petintoj. Tiam mi emocie laboris por la aranĝo rememorinte pri la 1a Azia Karavano okazinta dum la 79a UK Seula laŭ iniciato de d-ro So Gilsu, tiama UEA-estrarano. Ĉar tiam mia instruisto s-ro Dogsuren estis elektita bonŝance kiel unu el la membroj de la unua karavano, do li tiam partoprenis la UK-on kaj poste karavane vizitis multe da E-kluboj en Koreio kaj Japanio. Mi aŭdis ke ankaŭ s-ro Inumaru bonvenigis ilin japan-flanke.

Mi konsideras ke nia komisiono estas unu el aktivaj komisionoj de UEA. Oni ne rajtas forgesi, ke dank' al niaj antaŭaj estraroj kaj komisionanoj ni atingas nunan nivelon. Ili jam pretigis labordokumentojn, dekomence eldonis bultenojn kaj jarlibrojn, regule okazigis kongresojn kaj aliajn eventojn; jam konstruis nunan bazan strukturon. Ni devas danki al la patronoj multjaraj kiuj kovris kaj kovras nian fonduson kaj subvenciojn.

Do, mi estas tre ĝoja kaj fiera pro tio ke mi laboris kiel sekretario de KAEM dum la du mandatoj dank' al afablaj helpoj de la komisionanoj.

Nur unu malbonan sperton mi havis t.e. ne respondoj kaj ne aktivado de kelkaj landaj reprezentantoj. Landaj asocioj atentu kaj evitu tion! Oni povus facile malaperigi tiun malbonon.

Laste, mi bondeziras brilan sukceson al nuna KAOEM-estraro kaj redaktejo de "Esperanto en Azio kaj Oceanio"!

Rim. KAEM estis mallongigo de "Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado".

## Irano

Kiel Irana kongreso modeliĝis por la virtualaj kongresoj?

**Koron-viruso ekspluatiĝis en Irano movade!**

IREK-7 okazis kun 121 homoj el 35 landoj (marto,16-19)

Neniu povis imagi ke en koronvirus-atakita Irano, kies popolo suferis kaj ankoraŭ suferas pleje (nur post kelkaj landoj, kiuj estis/as tiurilate pioniraj!), la movado de Esperanto tiel subite kaj rapide plifortiĝos ankaŭ en la virtuala spaco kaj krom allogigo de pli ol cent esperantistoj el dekoj da landoj al la 7a Esperanto-kongreso, ankaŭ fariĝos gvidanto/konsilanto en la postaj Esperanto-kongresoj kaj -seminarioj.

**1. Komenciĝo de la ideo kaj batalado kontraŭ la problemoj**

Irana Esperanto-Kongreso (IREK) por 6 jaroj daŭre kaj senĉese okazis ĉiam internacie kun partopreno de esperantistoj el kelkaj landoj, krom diversaj regionoj de Irano mem. En tiuj IREK-oj partoprenis ankaŭ famaj esperantistoj kiel prof. Renato Corsetti, prof. So Gilsu, Mireille Grosean, Lee Jung-kee, Tahira Masako kaj aliaj.

Sed, ĉi-jare la koron-viruso tiel atakis aparte Iranon, ke plejparto de la homoj nur pensis kiel travivi tiun teruran situacion kaj resti vivaj! Iranaj esperantistoj kiuj jam de la pasinta jaro ekplanis sian 7-an kongreson kiel en la antaŭaj jaroj, ne volis simple cedi al la viruso kaj tut-nuligi la kongreson. En la mezo de marto, kiam ili certiĝis ke la kunveno ne eblos okazi fizike laŭplane, decidis okazigi ĝin virtuale. Tiam Zoom estis relative nova fenomeno kaj ankoraŭ multaj ne sciis pri ĝia ekzisto kaj eĉ se kelkaj sciis pri ĝi, ili ne sciis kiel uzi ĝin por grandaj kongresoj, seminarioj ktp. Studinte la aferon ankaŭ teknike, IREA fine decidis okazigi sian virtualan kongreson per

Zoom malgraŭ probablaj riskoj rilate al la teknikaj aferoj. Tiam ekaperis alia problemo: per la jam pagita Zoom-o de la Asocio, oni povis akcepti nur limigitan nombron da partoprenantoj kaj por pli alta nombro da partoprenantoj oni devis pagi pli multe. Denove, la estraranoj decidis kiel ajn mem kolketi tiun sumon kaj ebligi partoprenadon de eĉ pli vasta partoprenantaro.

## 2. Iom da kaosoj en la unua tago!

Finfine la tago venis kaj la organizantoj kun granda zorgo kaj iom da angoro komencis la kongreson je la 10a horo matene laŭ la irana hor-zono. Ja unue aperis iom da teknikaj problemoj; samtempe la dekoj da esperantistoj el multaj landoj estis ade pliiĝantaj en la virtualejon de la kongreso. En la finaj horoj de la unua tago oni povis venki ĉiujn problemetojn kaj esti tute trankvilaj por la sekvaj tagoj!

La malferman saluton faris d-ro Keyhan Sayadpour, la prezidanto de IREA, kaj poste d-ro Duncan Charters, la prezidanto de UEA salutis la kongreson kaj parolis ege subtene kaj kuraĝige al kongresanoj kaj la organizantoj. Poste venis vico de programeroj, kiel la raportoj de IREA, IREJO (la junulara sekcio de IREA) kaj IRLEI (la irana sekcio de ILEI), kaj prelegoj titolitaj: "La Angla aŭ Esperanto?" fare de Ahmad Mamduhi, "Tajvano: Kulturo, Turismo kaj Movado" de Reza Kheirkhah, kaj "Esperanto en Irana Gazetaro" de Ali Koŭsari. Aliaj programeroj temis pri: deklamado de poemoj, aŭkcio kaj artaj programeroj, i.a. violon-ludado de irana esperantisto. La sola programero kiu instigis la partoprenantojn iom movi la korpon, estis fare de Yvonne Chen el Tajvano, kiu estas profesia jogo-instruistino.

La programeroj daŭris ĝis la 16-a horo oficiale kaj poste estis interkona vespero, kiu daŭris ĉirkaŭ du horojn!

## 3. Abundo da prelegoj kaj muzik-kvizoj por la 2a tago!

La dua tago estis la tago de prelegoj! La partoprenantoj estis nutritaj per amaso da tre interesaj kaj spektindaj prelegoj, kiel:

D-ro Sayadpour: *Influo de Pandemio;* Dima Ŝevĉenko: *Revuo Esperanto*; inĝ. Mamduhi: *Nun Bezonenda: Nova Vivstilo*; Prof. Cho: *Kiel Tajvano sukcesis kantraŭstari Koronaviruson?*; prof. Renato Corsetti: *Ĉu Zamenhof mortis?*; Anna Lowenstein: *UEA-Facila*; Mireille Grosjean: *Vunda mondo*; d-ino Karimi: *Orienta Azio kaj Esperanta Amikeco*; d-ro Azarhushang: *Esperanto: mond-agado, Literaturo kaj Tradicia Medicino*. Cetere, okazis ankaŭ kviza koncerto "Violono de la mondo" pere de Françoise NOIREAU (Fransoazo Oazo), kiun multegaj ŝatis kaj ĝuis. Okazis aliaj artaj programeroj i.a. kantoj de Anjo Amika.

## 4. Tonkin, AMO, pandemio kaj poemoj por la 3a tago!

La tria tago de la kongreso estis vico de prelegoj ĉefe rilataj al la pendemio: el Japanio d-ro Kimura Goro prelegis pri *Kiel Esperanto povas kontribui al post-koronvirusa mondo?*, prof. So Jinsu (la prezidanto de KAOEM) prelegis pri Azia Movado, en kiu li ankaŭ multe tuŝis la pandemion, kaj en la lasta programero matene Jorge Camacho sorĉis la partoprenantojn per siaj belaj poemoj, kvankam ne pri ĝojaj aferoj - dum la pandemio! Li voĉ-legis partojn el *Virusaj Versoj*, kiuj aperis en la plej freŝa numero de *Beletra Almanako*.

En la posttagmezo Stefan MacGill gvidis la AMO-seminarion 63v, kiu unuafoje kunhavis la vorton v ĉe sia numero, ĉar okazis virtuale. Ja temas pri la mondfama seminario por Aktivula MaturigO. Krom fremdlanda kaj tre fama prof. Humphrey Tonkin, ankaŭ kelkaj elstaraj iranaj esperantistoj, kiel, Ahmad Reza Mamduhi, Hamzeh Shafiee kaj Hamid Babadi Akasheh, prezentis prelegojn AMO-kadre. La prelegoj estis tre edukaj kaj instruaj por la partoprenantoj.

Tamen, probable la plej alloga kaj atendata programero de la tago estis la prelego de prof. Humphrey Tonkin, la du-foja prezidinto de UEA, pri "La Esprimkapablo de Esperanto". Antaŭ la prelego li iom rakontis pri siaj spertoj rilate al la irana movado kaj ke li vojaĝis al la lando en 1977.

Fine, kvankam oficiale la kongreso fermiĝis por tiu tago, multaj diverslandaj kongresanoj daŭrigis sian ĉeestadon babilante pri diversaj temoj dum pli ol horo.

## 5. Kajto, Amo, rezolucio ... por la 4a kaj fina tago!



Koncerto de *Kajto*, mondfama Esperanta muzik-grupo estis la unua programero de tiu tago. La duopo kantis kelkajn malnovajn kaj nostalgiajn kantojn kaj ankaŭ kelkajn novajn dum mateno kaj posttagmezo. Matene oni laŭtlegis "La Rezolucio de la Kongreso" por ke la partoprenantoj atente aŭskultu ĝin por, ke se ili volas modifi kaj/aŭ aldoni ion, ili faru tion ĝis antaŭ la fino de la kongreso, kiam ĝia fina versio legiĝos por aprobado de la kongresanoj. Fruposttagmeze d-ro Stefano Keller, la reprezentanto de UEA ĉe UN en Ĝenevo, prelegis pri *Agado de UEA por lingvaj rajtoj*. Sekve AMO-seminario daŭris per prelegoj de s-ino Mirejo Grosjean pri *Limoj – en la ombro de migradoj kaj devigaj izoliĝoj*, Jérémi Sabiyuma, estrarano de UEA, pri AMO, Katalin Kováts

pri *La kontribuo de Edukado.net* kaj d-ro Keyhan Sayadpour pri *La rolo de UMEA en nuntempo*.

La lasta kaj tre grava programero de la lasta tago – kaj de la kongreso – estis elsendo de registrita prelego de prof. Robert Phillipson, fama lingvisto, kun la titolo "Kvin mitoj pri la angla lingvo". Li estis invitita por prezenti sian prelegon dum la kongreso, sed pro lia troa okupiteco ĉefe en EU-a projekto, tio ne ebliĝis por li, kaj sekve li afable permesis esperantigon kaj elsendon de sia anglalingva prelegeto. La preleg-teksto, kiun laŭt-legis Reza Kheirkhah samtempe kun la preleg-filmo de Phillipson, estis tradukita de Benjamin Irwin, kanada esperantisto, loĝanta, kiel Reza, en Tajvano.

Finfine post la programeroj en 4 tagoj, la kongreso venis al sia fino kaj tamen oni daŭrigis la vesperon per deklamado de originalaj kaj tradukitaj poemoj fare de diverslandaj partoprenantoj.

## 6. Kelkaj menciindaj faktoj

Tia-skala virtuala - samtempe nacia kaj internacia - kongreso okazis por la unua fojo. Kvankam okazis iuj problemoj komence, ĉefe teknikaj, la kongreso estis sukcesa kun partopreno de pli ol 120 homoj el 35 landoj. Iranaj esperantistoj preparis ĝin dum unu monato kaj daŭre faris testojn por certiĝo pri la glata kongresado.

Estas fakto ke por plejmultaj esperantistoj tra la tuta mondo pro diversaj kialoj - ĉefe financaj – ĉiam estis kaj estas tre malfacile partopreni alilandajn aŭ internaciajn kongresojn, sed per tiaj ĉi virtualaj kunvenoj, preskaŭ ĉiuj el ĉiuj anguloj de la mondo povas egale, sendiskriminacie kaj senprobleme partopreni. Iuj partoprenatoj dum la IREK-7 esprimis, ke ili post 30 aŭ 40 jaroj da esperantisteco, unuafoje povis partopreni internacian kongreson kaj tio estis ekscitega por ili!

Tajvano estis unu el la plej multe kontribuintaj landoj al la kongreso i.a. per du prelegoj, instruado de jogo kaj tradukado

de la teksto de la prelego de prof. Robert Phillipson kaj ĝia laŭtlegado.

Cetere, oni devas mencii, ke post tiu sukcesa okazigo de la kongreso, la CO de UEA turnis sin al iranaj organizantoj de IREK7 por ke ili helpu ankaŭ al la virtuala okazigado de la 52-a Malferma Tago de la CO en la lasta dimanĉo de aprilo. IREA povis sukcese helpi ankaŭ por ĝia virtuala okazigo.

LKK de IREK7 konsistis el multaj volontuloj inter ili: Keyhan Sayadpour, Ahmad Mamduhi, Hamzeh Shafiee, Surush Mohammad-zadeh kaj aliaj.




Raportas Reza KheirKhah

## Mallongigita versio de La Rezolucio de la 7-a Irana (Virtuala) Esperanto-Kongreso

La 7-a Irana Esperanto-Kongreso, kiu unuafoje – sekve de la k(o)ronvirusa epidemio – okazis rete de la 16-a ĝis la 19-a de aprilo 2020 kun 121 partoprenintoj el 35 landoj;

- Aŭskultinte la salutmesaĝojn de la prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kaj de esperantistaj organizaĵoj el landoj kiel Ĉinujo, Germanujo, ktp.;
- Aŭskultinte la paroladon de unu el grandaj nuntempaj lingvistoj, d-ro Robert Phillipson, el la universitato de Kopenhago, la plej konata subtenanto de egaleco kaj kontraŭ-imperiismo en la kampo kultura kaj lingva;
- Analizinte la situacion en multaj landoj lige al la krizo pro la monda epidemio kaj lige al aliaj nesolvitaj problemoj pri manko de kunlaboro inter landoj kaj pri agresoj militaj kaj ekonomiaj.

Deklaras, ke:

- Problemoj kiel tiuj de la monda epidemio kaj de la klimato-ŝanĝiĝo klare montras, ke la mondo estas unu, kaj interligita, kaj ke tiaj vastaj kaj vere danĝeraj problemoj povas esti solvataj nur je tutmonda nivelo;
- Solvoj de tiaj problemoj kaj de aliaj, kiel malsato, manko de lernejoj kaj kuracado por ĉiuj, bezonas mondon sen militoj kaj sen aliaj formoj de agreso;
- En tia nova mondo sen imperiismoj kaj hegemoniismoj ankaŭ en la lingva kaj kultura kampoj, la internacia lingvo Esperanto, tutmonda lingvo de paco, interkompreniĝo kaj kunlaboro, povos trovi sian ĝustan kaj justan lokon.

Raportas Reza KheirKhah

# Virtuala Unu-taga Kongreso

En la junia numero de la gazeto *Esperanto Sub La Suda Kruco* (ESK) aperis intervjuo far de s-ino Katarina Steele al s-ro Sandor Horvath, la prezidanto de Aŭstralia Esperanto-Asocio (AES), pri la kongreso. Ni eksciu ĝiajn preparadon kaj plenumon citante el la intervjuo.



**Komenco;** Li pensis pri okazigo de multloka vintro-kursaro eĉ samtempa. "Havi eksterlandajn prelegantojn estus unu el la ebloj, ĝis nun ne multe uzataj. La pandemio fermis nin en niajn domojn, sed la reto estas malfermita, la teknikaj eblecoj estas malmultekostaj, alireblaj al ĉiu kaj ni tre volonte utiligas ilin. Fine la estraranoj de la asocio konsentis organizi unu komunan, tutlandan virtualan eventon, kaj ni nomis ĝin kongreso anstataŭ vintrokursaro. Ni pridiskutis la teknikajn kondiĉojn kaj mi komencis la organizadon."



**Obstakloj;** "Ne estis apartaj obstakloj. La invititaj eksterlandaj prelegantoj tuj jesis." Teknike glate iris "preskaŭ ĉio. La aŭdeblo estis kontentiga, ne estis gravaj fuŝoj. Foj-foje la prelegantoj iom luktis komence de sia prelego pri videbligo de bildoj aŭ tekstoj kaj ne ĉiu sukcesis eniri la kvizojn (de Benno kaj Katalin). Estis kelkaj homoj, kiuj entute ne sukcesis ligiĝi al la kongreso probable pro problemoj en siaj propraj komputiloj."

**Varbado;** Krom la komenca parto de la kongreso "Jonathan Cooper multe helpis ankaŭ ĉe la varbado kaj informado, li metis anoncojn al fejsbuko, instagramo kaj aliaj lokoj."

**Partopreno;** S-ino Steel rimarkigis, "Por mi estis surprize,

kiom multaj partoprenis la kongreson el eksterlando kaj ĉeestis ankaŭ aŭstralianoj, kiuj kutime ne kongresumas.” La prezidanto mencias, “Oni pagas ĉe Zoom aŭ por 100 ĉeestantoj aŭ poste por 500. Ni preferis pagi pli por ne devi iun ajn rifuzi, sed fakte la plej alta samtempa partopren-nombro estis 98. Entute ĉeestis eble 140 homoj kaj ni ĝojas, ke ili venis el vere diversaj lokoj.”

**Plibonigo;** “Venontfoje mi donus limdaton por aliĝo. Estis streĉe gvidi la programon kaj samtempe ricevi aliĝpetojn dum la evento. Mi ŝatas la ideon havi “malgrandajn ĉambrojn” por grupetoj de homoj, por ke ĉiu havu eblecon paroli. En la nuna kongreso la plejparto estis pasivaj aŭskultantoj.”

“Krome utilus fari detalan tempozonan horaron, ĉar ĉi-foje kelkaj homoj maltrafis iujn prelegojn pro malĝusta tempokalkulado. Sed mi ĉiuokaze ĝojas, ke venis pluraj el tiuj, kiuj verŝajne ne venus, se estus ĉeesta, tradicia kongreso.”

**Prelegoj;** http://aea.esperanto.org.au/eo/virtuala-1-taga-kongreso-2020/#programo Tie videblas la prelegoj.

- Esperanto dum KOVIM-19 – Duncan Charters, Usono
- La enciklopedio de Adam Lindsay Gordon – (preparita de John Adams), prezentita de Marumi Smith
- Fama nekonata virino el Adelajdo – Katarina Steele
- La pandemio KOVIM-19 kaj la sansistemo en Irano – Keyhan Sayandpour, Irano
- Kronikoj de Viktor Klemperer – Trevor Steele
- Montessori-edukado – Penny Vos
- Gravaj eroj en la instruado de Esperanto – Katalin Kovats, Nederlando
- Kiel mi verkas kantojn – jOmO
- La angla kaj Esperanto – Renato Corsetti, Britio

**reagoj;** Pozitivaj mesaĝoj venis ekzemple

- Ĉiu prelego estis instiga, interesa, kortuŝa, serioza aŭ amuza.
- Je kvizoj kaj enketoj prelegintoj lerte uzis la retajn ilojn. Kaj la uzo de ripozĉambroj estis konvena.

- Pro la ebleco resti hejme kaj fari aliajn taskojn inter la prezentadoj (aŭ dum tiuj, kiuj min malpli interesas) mi neniam plu volas vojaĝi por ĉeesti konferencojn :-).
- Estis bone vidi tiom da aziaj-oceaniaj esperantistoj kaj multe da vizitantoj dise tra la mondo.

Rearanĝis INUMARU Fumio

Jumuloj

## Kelkaj sukcesoj de azia junularo dum la IJK

De la 10-a ĝis la 18-a de julio okazis la reta Internacia Junulara Kongreso (IJK). Interalie okazis la programero "Azia junularo sin prezentas", kiu estis granda sukceso. Prezentis siajn movadojn Carl Dizon (Filipinio), Zhao Wenqi (“Venki”, Ĉinio), Arifah Jihan Fadhilah (Indonezio), Kawara Hiro (Japanio), kaj Shin Hyun-kyu (“Mondero”, Koreio). La programeron gvidis Albert Stalin Garrido (Filipinio). Kvankam mankis tempo por okazigi ĉiujn planitajn erojn, la programero estis unu el tiuj, kiuj havis plej multajn spektantojn: ĉirkaŭ 50 homoj! Tuj poste okazis neformala diskuto en unu el la vidbabilejoj de la reta IJK, en kiuj multaj interesitoj partoprenis kaj demandis al la prezentintoj. Gratulon kaj dankon al ĉiuj kiuj prezentis!

Okazis ankaŭ balotado por novaj Komitatanoj Ĉ de TEJO por la oficperiodo 2020-2022. Inter la elektitoj estis Mondero kaj Venki. Gratulojn al ambaŭ kaj bondezirojn al ili en ilia nova respondeco kiel komitatanoj! Entute, estas 9 komitatanoj kiuj devenas de Azio aŭ loĝas ĉi tie.

TEJO gratulas kaj dankas al ĉiuj junaj esperantistoj de Azio, kiuj partoprenis en la historia reta IJK kaj esperas ke ili havis amuzan kaj klerigan tempon.

Raportas Albert Stalin Garrido
Vickomisiito pri Landa Agado (Azio), TEJO

TEJO: Tutmonda Esperantista Junulara Organizo

## Vjetnamio

### Vjetnamaj Esperantistoj dum Koronvirusa tempo

Dum sociala distanco, kiel aliaj enlandaj asocioj, organizoj, Vjetnamaj esperantistoj komunikadis rete.

Speciale, Esperanto-societoj de Hanoja Esperanto-Asocio agadis laŭplane per socialaj retoj kiel: Zalo, Zoom, Tuj-mesaĝilo, ktp.

Krom virtualaj rendevuoj, esperantistoj fariĝis aktualaj volontuloj laŭ la alvoko de la lando: "Tiu, kiu havas malpliajn malfaĉilaĵon helpu personojn kiuj alfrontas pli multajn malfacilaĵojn", "Ĉiu civitano estas soldato en la fronto kontraŭ Covid-19", ktp. Tiucele, ni forte agadas por volontulaj, socialaj agadoj:



- kolektis monon sendi al fonduso por prevento de korona viruso;
- kolektis rizon, manĝaĵojn, malnovajn vestaĵojn por disdoni al malriĉuloj aŭ tiuj kiuj perdis laboron pro la viruso.
- partoprenis en legado-projekto por blinduloj: oni deziras havi pli da voĉlegitaj libroj por vidhandikapitoj por ke ili gajnu interesan tempon dum hejma restanteco.
- partoprenis en amikecaj agadoj organizitaj rete per Hanoja kaj Vjetnama Unio de Amikecaj Organizoj.

Tiaj volontulaj agadoj floras en tuta Vjetnamio lasttempe.

Post pandemia tempo, ni hastigas al la rondo de la ordinara vivo, sed daŭrigas sociajn agadojn:

- helpis lernejojn por ke lernantoj sekure revenas al lernejoj
- altigas konscion pri sociala sano, saniga manĝado ktp.

Kvankam Vjetnamio estas malgranda lando, ni havas belan deziron, ke kun solidareco, ni unuanime diskonigu la valorojn de bona vivo por ke nia patrujo fariĝu lando paca, feliĉa, kaj inda je vivado.

Nun ni denove laboras pace (jam pasis 44 tagoj, ne eksiztas infektitoj en komunumoj) tamen, ĉiu-tage ni ĝoje ricevas mesaĝon antaŭ ĉiu telefon-voko: "Bv. starigu novan normalan staton, akcelante efikan laboron, produktadon kaj batalon kontraŭ epidemio".

Jen mi sendas al vi mesaĝon de unu lernanto en virtuala klaso:



"Esperanto-klaso en sezono Covid-19.

Nia klaso estis malfermita kiam okazis epidemio, izolita socio. Kvankam ni ne povis renkontiĝi persone, niaj lecionoj ĉiam estis amuzaj kaj plenaj de ridoj. Ni ĉiam esperas disvastigi la spiriton de paco kaj egaleco de Esperanto al ĉiuj homoj en ĉiuj cirkonstancoj," skribis s-ino Trịnh Thúy Huyền.

Raportas Nguyen Thi Phuong Mai

## Komuna Kunvenejo de Esperanto en Hanojo




La 18an de julio, oficiale malfermiĝis la Komuna Kunvenejo de Esperanto en Hanojo.

La nova kunvenejo estas loko por vjetnamaj esperantistoj renkontiĝi, komuniki kaj interŝanĝi spertojn kaj konojn. Aldone, tiea Esperanto-komunumo povas tiri atenton de ne-esperantistoj, montri al la publiko nian lingvon kaj kulturon.

Raportas Tran Thi Hoan (Ĝojo)

**Tajlando**

## La reta kurso de Esperanto en Tajlando dum aprilo – majo

Kion vi faras dum pandemia krizo? Multaj homoj lernas per retaj kursoj por altigi siajn sciojn. Lingva kurso estas unu el popularaj kursoj, kiujn homoj lernas dum siaj kvarantenoj. Tial ni, Verda Elefanto, prenis ĉi tiun okazon organizi Esperanto-kursojn por interesatoj per la taja lingvo en



aprilo kaj majo.

En la aprila kurso ni havis 5 lernantojn el malsamaj profesioj; lernanto, verkisto, oficisto kaj bestkuracisto. La kurso disponeblis per la programo Zoom, tamen per la senpaga versio. Tial ni povis uzi nur 40 minutojn kaj ni devis rekonekti denove.

Sed estis malsame por la maja kurso: en tiu monato, s-ro Renato Corsetti, eksprezidanto de Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj Irana Esperanto-Asocio (IREA) subtenis pagan version de la programo Zoom, kiu donis al ni pli longan kurson. Do, maje, ni faris 2 malsamajn kursojn; la unua estis por komencanto. Ĝi okazis vendrede je 20:00-22:00 laŭ bangkoka tempo, kaj la dua estis la kurso por lernantoj, kiuj lernis en la aprila kurso. Ni havis entute 7 lernantojn: 3 malnovajn kaj 4 novajn lernantojn.



Komencanta kurso (supre) kaj baza kurso en majo

La kurso finiĝis sukcese. Ni volas danki al s-ro Corsetti kaj Irana Esperanto-Asocio (IREA), kiuj plibonigas niajn kursojn. Ni povis esperantistigi 9 novajn homojn, kaj 3 el ili multe lernis Esperanton. En junio ni volas fari pli multe da kursoj komencantaj kaj ankaŭ retan parolan sesion.

Raportas Bharuj Rojanasoonthon (Ĵaz)
Bangkoka Esperanto-Klubo "Verda Elefanto"

## Indonezio

### Raporteto de IEJO (Indonezia Esperantista Junulara Organizo)

1. Realigitaj agadoj en 2019

En 2019, IEJO okazigis kunvenon ĉiumonate por kune lerni kaj diskuti pri Esperanto-movado. La renkontiĝejo estis en la restoracio, kiu troviĝas en suda Ĝakarto. Kutime la kunveno okazas en dimanĉo.

IEJO organizis la interretan kruson por lerni Esperanton per WhatsApp. La kruso helpis al la membroj kiuj ne povis fizike ĉeesti en la kunveno. La interreta kruso okazis ĉiu-marde kaj -jaŭde.


Violetta k. Arifah en Danang

En la lasta Azia kaj Oceania Esperanto-Kongreso en Danang Vjetnamio, du estraranoj de IEJO, Arifah kaj Violetta partoprenis ĝin. Estis bona sperto por ili, ĉar tiam ili ankaŭ konatiĝis kun aliaj junuloj kaj iom plibone konas la situacion de la movado.

En septembro 2019, IEJO estis invitita de IEA por partopreni la aranĝon “Serba-Serbi Esperanto” (Ĉio pri Esperanto) en la nacia biblioteko. Tiam IEJO prezentis la junularan movadon antaŭ la ĉeestantoj kiuj plejparte estis ne-esperantistoj. Post la prezentado, kelkaj aliĝis por esti membroj de IEJO.

Por starigi kunlaboron, IEJO aktive partoprenas en la agadoj de aliaj organizoj. En decembro, du membroj de IEJO ĉeestis en la inaŭguro de Indonezia Esperanto-Ligo (IEL) kaj samtempe festis la Zamenhofan tagon.

IEJO aktive disvastigas Esperanton per sociaj medioj. Estas instagramo @esperantismuda por diskonigi la bazan lecionon de Esperanto kaj siaj agadoj.

2. Realigitaj agadoj en 2020 (januaro-junio)

En januaro, la estraranoj de IEJO kunvenis por taksi la realigitajn agadojn en 2019. Ili ankaŭ interdiskutis kaj planis la agadojn en 2020. Tri estraranoj, kiuj ĉeestis en la kunsido, estis Arifah, Hani kaj Violetta.

Kadre de TAO (Tago de Azio kaj Oceanio), unu el la estraranoj de IEJO, Arifah partoprenis tiun virtualan aranĝon. Victor de IEA helpis ŝin por iom raporti pri la agadoj de IEJO en la junulara forumo. Albert Stalin el Filipinio prezidis en la forumo kaj instigis la forumanojn por kontribui sian opinion pri la nuna situacio de la movado kaj la estonteco. Arifah kaj Victor pozitive opiniis ke tiu junulara forumo povus esti bona komenco por plifortigi la ligon inter junuloj en Azio kaj Oceanio.

Rim. Tiu raporteto estas preparita por Junulara Forumo – TAO

Arifah Jihan
Prezidanto de IEJO

## Orienta Timoro

### Esperanto-movado de Dili Junulara Klubo de Esperanto

**Enkonduko**

Raportiĝas la movado en Orienta Timoro dum la jaro 2019, pere de la klubo Dili Junulara Klubo, por disvastigi Esperanton al la gejunuloj kaj la komunumo en Dilio. La klubanoj estis aktivaj. Tio estis montrita en ilia partoprenado en radio-instruadaj agadoj. La lecionoj prezentitaj en la radio estis la bazaj lecionoj. Malgraŭ tio, la klubo montris sian dinamismon ekde sia kreado en 2018.

Membroj: Teofilo, Lidia, Joao, Adroaldo, Mateus, Jenuaida, Maria, Zerry, Ivan, Fredio

**Celoj**

- Ĉi tiuj agadoj daŭre antaŭenigas la uzon de la lingvo

Esperanto en “Timor-Leste” (t.e. Orienta Timoro);




- Por tiuj, kiuj interesiĝas pri lernado kaj praktikado, inkluzive de alproksimiĝo al la klubo; kaj
- Por promocii Esperanton kaj la timoran lingvon (Tetuna) al la mondo.

**Rilataj agadoj**



1. Ĉi tiu radio-edukada programo estas la prioritato de la klubo nuntempe (bedaŭrinde ĝi haltis pro la apero de la pandemio Kovim-19), la radia frekvenco estas 98,5 MHz (loke), kaj alireblas ĉe https://onlineradiobox.com/tl/liberdade/?lang=id.

Kiel menciite supre, ĉi tiu programo estas por instrui la bazon de la lingvo Esperanto, prezentitan de la 2 homoj en formo de dialogo kaj ripeti la uzatajn verbojn kaj vortarojn ktp.

2. La 15-an de decembro 2019 Dili Junulara Klubo festis Zamenhof-tagon kantante “HIMNO DE ESPERANTO” en la Ĝardeno 5 de Maio, Colmera, Dili, Timor Leste.

3. Aventuroj

Per ĉi tiu programo, ne intence prioritate, la membroj daŭre montris la nekonatajn timorajn pejzaĝojn al la mondo.

**Rekomendo**

La klubanoj daŭre prioritatas pri la menciitaj programoj, kaj atendas reagojn de esperantistoj, kiuj aŭskultas en Orienta Timoro kaj en la mondo.

Rim. Tiu raporto estas legita dum Tago de Azio kaj Oceanio.

s-ro Mateus De Sena Mali-Tai,
vic-prezidanto de Dili Junulara Klubo

landaj agadoj – Orienta Azio

## Ĉinio - Tajvano

Malofta oficiala kurso en la tempo de koron-viruso

### Por la 17a jaro tajvana lernejo okazigis kurson de Esperanto

En Pingrong (屏榮) unu el la plej grandaj privataj mezalt-lernejoj en la sudo de Tajvano (kun ĉ. 1700 studentoj) jam por la 17a jaro okazas Esperanto-kurso kadre de eksterkursa lecionaro. La kutima nombro por malfermi la kurson estas 40 studentoj, sed pro subteno de la lernejo nia kurso kun studentoj de ajna nombro ĉiujare estas malfermita. Ĉi-jare la nombro de la lernantoj estis 11 el kiuj 10 finis la kurson kaj ricevis la ateston. La ĉefa instruisto, kiel kutimo de la lastaj jaroj, estis Ingrid Chuang, la veterana esperantistino, kiu preskaŭ ekde la komenco de tiu ĉi kurso antaŭ dek-kelkaj jaroj ĉiam instruis tie. Sed dum la lastaj jaroj ŝi mem estas la ĉefa instruisto kaj Reza Kheirkhah kiel asistanto helpas ŝin. En tiu ĉi kurso ni ofte uzis kaj ĉi-jare ankaŭ la lernolibron “Esperanto per rekta metodo” de Stano Marček. La libro estis tradukita de Ingrid, kaj Reza eldonis ĝin.

En antaŭaj jaroj ni ofte havis eksterlandajn gastojn, kiuj aŭ kiel vizitantoj aŭ kiel loĝantoj de Tajvano vizitis la kurson. Ankaŭ kutime estis korespondo aŭ kontakto kun Esperanto-kluboj de aliaj landoj kiel Japanio, Koreio, Francio ktp.

Krom la menciita lernolibro, ni ankaŭ uzis diversajn ppt-dosierojn (ppt: Microsoft PowerPoint) ofte rilatajn kun la lecionoj de la libro. Cetere, ni ankaŭ uzis kelkajn kantojn kiel

instru-materialon. Ne mankis ankaŭ diversaj ludoj, kiujn lernantoj ĝuis kiam oni ankaŭ lernis diversajn novajn vortojn.

Entute ni instruis dum 12 fojoj en du sememstroj kaj ĉiu-foje dum 2 horoj kaj do entute ni havis 24 horojn. La lernejo ankaŭ funkcias kiel faka lernejo kaj estis interese ke ĉirkaŭ duono de la lernenantoj estis tiuj kies fako estas la Japana lingvo! Estas interese rimarkigi ke la vokaloj de Esperanto kaj la Japana lingvo estas tute samaj kaj tial por la lernantoj de la Japana lingvo la prononcado de Esperanto estis aparte facila.




Laste estas interese mencii ke ĉiuj kursoj okazis laŭ la plano kaj la afero de koron-viruso tute ne malhelpis ĝin. Tajvano estas unu el maloftaj lokoj en la mondo, kie la viruso estis preskaŭ tute kontrolita kaj la vivo kaj laboro de homoj, inkluzive de la lernado tre malmulte ĉesis. Tiurilte Tajvano estas inter plej sukcesaj tutmonde!

Raportas Reza Kheirkhah

## Por la sekvanta numero atendataj estas:

- **Via opinio, analizo** aŭ **espero** pri Esperanto-movado vialanda, azia aŭ monda en historia aŭ teoria vidpunkto;
- **Informoj** aŭ **ideoj utilaj** por agado aŭ lernado de E.;
- **Raporto** pri vialandaj/urbaj agadoj, se ili okazas malgraŭ la pandemio utiligante interreton aŭ iun alian rimedon.

**Viaj artikoloj** atingu laŭeble **antaŭ la 1-a de septembro** 2020 la redakcion: redaktejokaoem@ml.allserver.jp .
Pri prokrasto bonvolu informi nin anticipe!

**Karaj legantoj**, en tiu numero prezentiĝas junulara movado aparte en Sud-orienta Azio krom retaj kongresoj, kiuj malfermas nian novan kampon kun retaj kursoj, kaj aliaj senĉesaj movadoj. Ekscio pri ili kuraĝigas nin. Ni kune antaŭen iru eĉ dum la pandemia periodo. La julian numeron redaktis teamo formiĝanta. Tio povos daŭri por tri pliaj numeroj. La redakcio atendas viajn artikoloj. (IF)

## Retpaĝoj de KAOEM

(1) La retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/
(2) Membriĝo al la retejo:
http://www.esperantoazia.tk/index.php?act=dispMemberSignUpForm
Klarigo pri la membriĝo al la retejo :
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=opinioj&document_srl=356
(3) Kion kaj kiel ŝanĝi?

A. Novaĵo - se vi havas ajnan novaĵon pri Esperanto-movado de vialanda Esperanto-agado.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=novaĴo
B. Azia Movado - Listo de la kongresoj kaj aranĝoj en Azio.
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziamovado
C. Aziaj Kongresoj - Listo de la landaj kongresoj
http://www.esperantoazia.tk/index.php?mid=aziajkongresoj


## Esperanto en Azio kaj Oceanio

Eldonanto: Azia-Oceania Komisiono de UEA (AOK/KAOEM)
Adreso de KAOEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso al KAOEM: preparata
Retejo de KAOEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro de n-ro 108 anstataŭ Kawamoto en malsano:
INUMARU Fumio, inumaru-f@nifty.com